2.ª Ep. AÑO VIX N.º 51 (187) SEPTIEMBRE - OCTUBRE 1971 EXTRAORDINARIO




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# 31ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Momento kiam Lia Moŝto la Urbestro de Benidorm, Dro. Reverté malkovras la strattabulon kiu nomigas "Calle del Esperanto" al unu el la ĉefaj stratoj de tiu bela urbo.

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.º, dcha.
ZARAGOZA

*ADRESOJ*

Hispana Esperanto-Federacio:
Prezidanto:
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16
Ĝenerala korespondado:
Sekretario:
S-ro Manuel Figuerola Palomo
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16
Monsendoj:
Kasisto:
Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2
MADRID-20
Ĉekkonto: N.º 24.692/10,
Banco Ibérico
Avda. José Antonio, 18
MADRID-14
Sendaĵojn pri statistiko kaj informado al:
S-ro Salvador Aragay
Str. Bassegoda, 40, 3.º, 1.ª
BARCELONA-14
Libroservo kaj Eldona-Fako:
F-ino Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º, dcha.
Ĉekkonto: N.º 17917, Banco Bilbao
Coso, 31 ZARAGOZA
Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.



## de Secretaría

DONANTES DEL FONDO DE ADQUISICION LOCAL EN PROPIEDAD (F.A.L.P.)

| | |
|---|---|
| *Saldo anterior* ... | 53.600 |
| Manuel Elézcano Maiztegui ... | 500 |
| Juan Salvá Castellá ... ... ... ... | 500 |
| Liberto Puig ... ... ... ... ... ... ... | 1.000 |
| Luis M.ª Hernández Yzal ... ... | 1.000 |
| Juan Sala Campamá ... ... ... ... | 500 |
| A. A. D. (Oviedo) . ... ... ... ... | 5.000 |
| Gerardo Flores Martín ... ... ... | 10.000 |
| *Total* ... ... ... ... | 72.100 |

Madrid, 9 de septiembre de 1971.

*Manuel Figuerola Palomo*
Secretario de la Federación Española de Esperanto

## deziras korespondi

HISPANUJO. — Cádiz, str. Uruguay 3, S-ro Diego Biedma, deziras korespondi kun esperantistoj el diversaj landoj.

ITALUJO. — 00185-Roma, Via Principe Eugenio, 51, S-ro Giulio Viti, deziras korespondi kun hispana samideano.

BULGARUJO. — Sofia 12, Bulv. "Deveti Septemvri" 57, Bl. 5, VĤ. B, Dimitâr Petkov, inĝeniero, deziras korespondi kun gehispanoj.

HUNGARUJO. — Budapest VIII, Szentkiralyi u. 6, S-ro Zsoldos, bankoficisto, deziras korespondi kun hispanaj samideanoj.

GERMANUJO. — 654 - Simmern, Am Südhang 24, Ges-roj Dieter kaj Ute Conrad, geinstruistoj, ekfaros en septembro du E-kursojn kun 13 ĝis 15-jaraj gelernantoj, en la Simmerna ĝenerala lernejo. Ĉiu kurso konsistos el 20 ĝis 25 kursantoj. Nun ili serĉas du taŭgajn eksterlandajn junul-grupojn, kun kiuj iliaj kursantoj povos korespondi. (Estus bone, se ĉiu el ĉi tiuj grupoj direktiĝos per instru-persono.)

## Nota de la Redacción

A todo el que desee enviar artículos o información que hayan de ser publicados en el próximo número, se le ruega haga llegar el material a esta Redacción antes del día 1 del próximo mes de noviembre.

# XXXIª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

ALICANTE, 19 - 24 - Julio 1971



Dum la Interkona Vespero s-ro Fariñas kaj f-ino Morán, Prezidanto kaj Sekretariino de HEJS. respektive, salutas gesinjorojn Hess el Argentinio kaj f-inon Geelen el Belgujo. Akompanas ilin familioj Sala Campamá kaj H. Llusera el Sabadell.

La XXXI.ª Kongreso de Esperanto prezentis tre similajn trajtojn al la antaŭaj. Skizita kaj realigita de nespertaj samideanoj pri kongresaj aferoj —kiel multfoje— la entuziasmo kaj la deziro de superigo sukcesigis ĉiujn aranĝojn. Tiel sub la vidpunkto de la interŝanĝo de ideoj —la plej esenca— kiel sub la realigo de esperantista etoso, por la plej kompleta distro kaj amuzo de la partoprenantoj, la alikanta kongreso estis, vere, surpriziga. La celo de la komitatanoj plenumiĝis. La tieaj aŭtoritatuloj taksis bone la gravecon de niaj celoj, multnombraj alikantanoj interesiĝis pri nia lingva solvo, kaj ni esperas ke, venontjare, la semo, tiel abunde kaj konscie disĵetita, fruktodonos en la bela mediteranea urbo.

Por la veteranaj esperantistoj kiuj, plenŝance, ĉeestis la kongreson, mil karaj rememoroj restos por aldoni al tiuj de antaŭaj, kaj, pliafoje, la sentoj de amika kunestado konfirmis, por ĉiuj, ke Esperanto estas, ĉefe, socia realigo, surbaze de lingva strukturo, sen kiu, nenia tutmonda planigo estas ebla.

Por tiuj kiuj, unuafoje, partoprenis hispanan esperantistan kongreson, la XXXI.ª estis la senvualigo de —ĝis tiam— kaŝitaj horizontoj kaj la eko de nova vivado en la regno de moralaj sopiroj, kiuj plejparte, realiĝis aŭ baldaŭ realiĝos.

La pli ol tricent gesamideanoj, kiuj partoprenis la ĉijaran kongreson, iris al Alicante malgraŭ la varmo, la distanco kaj la plenpleno de turistoj, kiuj, dum la tuta somero "remburas" la urbon kaj ĝiajn allogajn ĉirkaŭaĵojn. Estis, vere, mirinde, ke ĉiuj povis trovi taŭgan loĝejon. La koncerna komisiono meritas laŭdon, tiel kiel ĉiuj prizorgantoj de la ceteraj aranĝoj. La sola ĝena afero en la organizado estis la oftaj ŝanĝoj de la programitaj kongreseroj. Tamen, ni agnoskas ke ili obeis al eksteraj kialoj, ĉu pro aŭtoritataj postuloj, ĉu pro budĝetaj kondiĉoj, kaj ambaŭ justigas la malordeton!

Kaj nun, jen la disvolvigo de la alikanta kongreso:

*19-an de julio*

Jam de antaŭaj tagoj, la kongresaj komitatanoj akceptis kelkajn en —kaj ekster— landajn samideanojn, kaj, ĉe la unua kongrestago, la alfluo estis pli kaj pli multenombra. Je la sesa vespere, la giĉetoj de la kongresejo malfermiĝis, kaj komencis la disdonado de dokumentoj, dum la alvenintoj ariĝis, salutis sin kaj babiladis. Tio, kutime, konsistigas —ne menciite— unu el la plej allogajn programerojn. Prelegi, aŭskulti, diskuti kaj proponi estas seriozaj kongresaj aferoj, sed "koridori" estas la kunligado kiu agra-

bligas kaj harmoniigas la tuton, en la kongresoj. En tio, la alikanta plenumis la plej postulemajn dezirojn.

Ĉe la fino de la Interkona Vespero, la komitato regalis la ĉeestantojn per abundaj kaj oportunaj refreŝigaĵoj, kiuj neŭtraligis la veteran varmon kaj la etosan.

Kaj, tiel finiĝis la preparo por la kongresa disvolviĝo.

*20-an de julio*

Je la deka kaj duono, okazis Diservo en la Katedralo, kie, virina ĥoro interpretis, arte kaj trafe, diversajn komponaĵojn en la internacia lingvo. Patro José M.ª Claramunt celebris la meson kaj predikis en Esperanto; kiel kutime, tre elokvente.

Je la dekunua kaj duono, en la salono de la Fiŝ-Naŭtika Lernejo okazis la malferma kunsido, prezidata de la Provincestra Moŝto, S-ro Mariano Nicolás García kaj diversaj aŭtoritatuloj.

La Prezidanto de H.E.F., reprezentantoj de diversaj Grupoj kaj lokaj Societoj, eksterlandaj samideanoj, inter ili la Prezidanto de la Grupo de Washingtono, sam.º Sergio Docal, samideanoj el Bonaero, Francujo, Filipinoj, Anglujo, k.t.p., salutis la kongreson kaj estis bonvene aplaŭdataj.

Fine, la Provincestro, per kuraĝigaj frazoj, en kiuj li agnoskis la pacigan kaj kulturigan celon de Esperanto, deklaris la malfermon de la kongreso. Li estis tre aplaŭdata.

Poste, ĉiuj iris al larĝa strato signalata per la nomo de la elstara, elokventa kaj inspirita poeto Vicente Inglada, alikanta kolonelo, kiu, dum longaj jaroj, instruis multajn arojn da ekesperantistoj per siaj bonaj kaj efikaj lernolibroj de Esperanto. La Urbestra Moŝto de Alicante, S-ro Ramón Malluguiza y Rodríguez de Moya, metis laŭran kronon sur la strattabulon, kiu ĉiamigas la nomon de la fama esperantisto, kiu mastris Esperanton, tiamaniere, ke Zamenhof diris, foje: "Mi kreis Esperanton por ke Inglada brilu!".

Antaŭ ol tagmanĝi, ĉiuj aliris la taŭroludejon por pozi por ĝenerala fotaĵo.

Je la kvina vespere okazis la Prepara Laborkunsido. La Estraro de H.E.F. kun la Delegitoj de Grupoj planis la laborajn kongresajn taskojn kaj atingis konkretajn decidojn, tiel por la kongreso kiel por la interkongresa periodo.



Lia Moŝto la Provincestro de Alicante alparolas la kongresanaron dum la solena Malfermo.



**S-ro Ramón Molera, Ĉefdelegito de UEA. salutas la Kongreson.**

Je la deknaŭa okazis la prelego de Dro. Fernando de la Puente, kies esperantista kapablo kaj gvidaj meritoj estas bone konataj de ĉiuj.

La hispanlingva anoncita prelego "Por el Esperanto al Amor" estis majstre disvolvita, kaj ni, per mallongaj frazoj, penos por kondensi ĝin. La preleganto komencis skizante la babelan historion kaj ĝiajn sekvojn; la lingva miskompreno okazigis la socian malordon, kiun la homaro penas por korekti sen granda sukceso, kaj sen ebleco por realigi la dian ordonon, ke ni amu nin reciproke.

La penoj por mildigi la ĥaosan staton ne trovis kontentigan solvon ĝis la elpensado de Esperanto —far Zamenhof— ĉar la simpleco de la lingvo ebligas ke ĉiuj, sendistinge de kultura nivelo povu normale interkompreniĝi. Unu el la ĉefaj avantaĝoj de la lingvo estas ĝia neŭtraleco, kiu malebligas la lingvan kolonialismon.

La materialaj avantaĝoj de Esperanto: legado, vojaĝoj, internacia korespondado, kolektemo, filatelo, k.t.p., estas, tamen, sensignifaj kompare kun la spiritaj: stabiligo de amikaj rilatoj en la tuta mondo, efika kontribuo al la mondopaco, kaj reala estingo de ĉiuspecaj malamoj kiuj bruligas la terglobon, ĉar, Esperanto, vere, kondukas al la amo.

La multenombra aŭdantaro, kiu atente aŭskultis la interesan oratoraĵon de la Prezidanto de K.E.H.A. premiis, per longa aplaŭdo, la meritoplenan prelegon, kiun ĉiuj trovis tro mallonga.

Multaj el la ne esperantistoj, kiuj aŭskultis la belan moralan lecionon de Dro. de la Puente akompanis la samideanaron por spekti la projekciadon de interesa filmo en Esperanto, kio valorigas la gravecon de la lingvo por internacia disvastigo de aferoj pri monda intereso.



**Grupo da esperantistoj el Sabadell pozas antaŭ la informa-tolo pri la Kongreso.**



**Grupo da partoprenantoj en la 31ª Hispana Kongreso de Esperanto**

Ĉe la vespero, post la seriozaj instruaj punktoj, venis la distra, per ĝojiga boata promenado, tra la alikanta haveno, dum kiu, la gajaj "navigantoj" povis ĝui la nekompareblan panoramon konsistigitan de la bunta mara ŝiparo, de la urbo, de la foireca palmaro, kiu havigas orientan aspekton, de la ĉirkaŭanta montaro, de la kastelo, kiu elvokas la preterpasadon de pluraj civilizoj: fenica, greka, romia, maŭra kaj kristana, lasante la spurojn, ankoraŭ rekoneblajn, sur nia hispana lingvo, tiel kiel la kulturaj lingvoj de Eŭropo deponis siajn kontribuojn por konsistigi Esperanton.

Post vespermanĝo, la Urbestraro invitis la kongresanaron al spektado de "Hispanaj Festivaloj" per kiuj oni povis ĝui la prezentadon de la Pola Baledo, kiu ege plaĉis al ĉiuj.

*21-an de julio*

Je la deka komenciĝis la ekzamenado de pluraj esperantistoj, kiuj deziris havi la kapablecan titolon, kaj kelkaj kuraĝis entrepreni la profesorecan. La laboro estis longa kaj peza, ĉar la ekzamenantoj severe taksis la meritojn de la ekzamenatoj, kiuj plejparte, sukcesis.

En venonta numero de nia BOLETIN ni sciigos la nomojn de tiuj, kiuj sukcesinte en la provado, aniĝos al ni, plenrajte kaj honore.

Dume, en la salono de la Sindikatejo, okazis la esperantlingva prelego de Dro. Herrero, kiu, ne povante ĉeesti entute la kongreson, venis el Valencio nur por tiu okazo.

La prelegonto estis prezentita de la Prezidanto de la Federacio, kiu emfazis la pasintajn meritojn de la oratoro, kiuj, laŭ li, estis promeso de aktuala sukceso en la prelega tasko.

Dro. Herrero komencis bedaŭrante sian nunan nekapablon por honori kiel decas la kongresan katedron, tiel kiel faris, en ne malproksima pasinteco, niaj grandaj oratoroj, nome: Delfí Dalmau, Mariano Solá, Ludoviko Hernán-



En plenplena salono D-ro Herrero prelegas pri "Kial esti esperantisto?"

dez, kaj multaj aliaj, kiuj, per siaj oratoraj pecoj, surpodiigis Esperanton ĝis nesuperebla nivelon.

La preleganto disvolvis la temon: "Kial esti esperantisto?" Respondante: plejparto, ne pro utiliga profito, sed, pro idealo.

"Komentariante la komunikeblecon de kelkaj bestoj —foje tre perfekta— oni alvenas al la agnosko ke homoj superas ilin, ĉar bestoj, malgraŭ posedo de pli perceptigaj sentoj, neniel povas registri aŭ konservi impresojn kaj spertojn por esti utiligataj de aliaj bestoj. Nur homoj kapablas konservi ilin por komuniki siajn spertojn al samtempuloj aŭ al posteuloj. Tio ebligas la formadon de generacioj pli kaj pli kapablaj kaj progresivaj.

La formado de nacioj estis, kaj daŭre estas, forta bremso por la ĝenerala kulturo. Esperanto estas la unua alvoko al la racia disvolvigo de sciencoj kaj vivmaniero de la homaro, kaj la sola nepra kondiĉo por stabiligo de paca sinteno.

Bedaŭrinde, ŝtatoj ne konsideras sufiĉe serioze la mondlingvan problemon, tiel kiel ili ne atentas pri la forigo de malsanigaj kaj mortigaj aktualaj kondiĉoj, ĉu industriaj, ĉu kutimaj. Tial, esperantistoj ne devas esperi pri favoraj decidoj de ŝtatestroj, kiuj estas allogataj de tujaj materiaj profitoj.

Niaj kamaradoj devas konfidi nur je siaj propraj fortoj, ne pri la multenombreco, sed pri la kvalitoj de nia minoritato. Ni ĉiuj devas studi, perfektiĝi, uzi Esperanton kiel eble plej bone, sed, ĉefe, prezenti nin, antaŭ aliuloj, kiel kohera, harmonia, morala kaj pacama popoleto, por ke ĝi estu la ekzemplo de tio kio devas esti la futura homaro. Tial, do, ni estas esperantistoj; ĉar ni scias ke nur tiel, nepre tiel, paŝo post paŝo, post longa laboro, ni atingos la celon en gloro."

Per densa aplaŭdado, la aŭskultantaro pruvis sian egan plaĉon pro la prelego de Dro. Herrero.

Vespere, la anoncita ekskurso al Elche efektiviĝis. La "urbo de la palmoj" prezentis al la vizitantoj krom la aspekto de vigleco pro la kreskanta industria graveco, la tradician pri la palmaro, kiu impresas kvazaŭ orientlanda bildo. Ciuj havis multenombrajn okazojn por uzadi kameroj, kiuj stapligos karajn viditajn panoramojn.

La lasta programero de la tago estis la Junulara Balo, en la Klubo Montemar, kie la densa amuzado de ĉiuj kulminis per la aljuĝo de "Fraŭlino Esperanto 1971". La decido trafis la belan Ana Régulo, studentino pri Filozofio kaj Beletro, filino de nia kara amiko Johano Régulo Pérez, Profesoro en la Universitato de La Laguna kaj Komitatano de U.E.A. Si gajnis la balotadon pro siaj propraj meritoj: beleco, simpatio, kulturo... kaj esperantismo!

La ĝuo daŭris ĝis tre malfrue en la nokto, kaj la partoprenintoj ne forgesos la jubiladon!

*22-an de julio*

Matene, la kongresanoj vizitis la Arĥeologian Muzeon de la Deputitejo de Alicante, kie ili povis rigardadi valorajn postrestojn de la iberia, fenica, greka, romia kaj maŭra epokoj.

Poste, la Urbestraro regalis la kongresanojn per elektita Honorvino, en la Boatvetkura Klubo; tiel, de luksa loko, ĉiuj povis admiri la belan panoramon de la haveno. La urbaj aŭtorituloj atentis pri la kongresanoj kaj la Kongresa Komitato respondis danke.

Vespere okazis la ekskurso al Jijona, la "nugata metropolo" kiu sendas la mirindan dolĉaĵon al la tuta mondo. La projektita vizito al la groto Kanalobre ne povis efektiviĝi pro la turisma lavango kiu plenplenigas ĝin daŭre; bedaŭrinde, ĉar ĝi estas, vere, grandioza.

La kongresa tago finiĝis per notinda koncerto fare de la Urbestrara Fanfaro, kiu interpretis elektitan programon pri hispana muziko, ĉefe el valenciaj komponistoj, nome: Giner kaj Chapí. Komence kaj fine de la koncerto, la muzikistoj interpretis "La Esperon", kompreneble, kun partopreno de la kongresanaro!



ernacia grupo pozas antaŭ bela fontano en Elche

*23-an de julio*

La tago komenciĝis per seriozaj kongresaj aferoj. La H.E.J.S.-asembleo pruvis la viglecon kaj progresemon de la konsistigantoj de la Junulara Sekcio.

Ankaŭ la Generala Kunsido de H.E.F. pruvis la laboremon de la Estraro kaj la efektiva partopreno de la ĝeneralaj aferoj fare de la membroj.

Post laboro, la publika semado de esperantismo daŭrigis. Por agrabla ekskurso laŭlonge de la Blanka Marbordo, la tuta kongresanaro iris al Benidorm, la perlo de la alikanta strando, kie la Urbestra Moŝto, Dro. Reverté, granda poligloto kaj amiko de nia ideo, prezidis la solenaĵon per kiu oni senvualigis la strattabulon kiu, de nun alnomigas belan avenuon per la nomo: "Calle del Esperanto".

S-ro Figuerola, nia Prezidanto, per trafa kaj mallonga paroladeto, dankis pro la ĝentilo de la Urbestro, kiu, tuj poste, respondis emfazante sian kontentiĝon pro la kontribuo de Benidorm al la ideo de internacia lingvo, tiel necesa por urbo tiel trairata kaj loĝata de kosmopolitaj vizitantoj.

Ambaŭ oratoroj estis tre aplaŭdataj kaj, sekve, ĥore estis kantata la unua strofo de "La Espero".

Posttagmeze, la kongresanaro partoprenis "Kamparan Feston", ege ĝuiga. En taŭroludejo oni lasis ke maltimemaj junuloj riskus la integrecon de siaj pantalonoj antaŭ la kornoj de taŭridoj, kiuj aspektis de proksime kiel veraj kaj teruraj mamutoj! La ĉeestantaro ridegis pro la renversadoj de la "toreadoroj", kiuj, polvigitaj, sed admirataj, plenumis sian rolon.

Laste, oni prezentis "tablao flamenco", tio estas, folkloran kantadon kaj dancojn, per kiu finiĝis la festo, dum kiu la kongresanoj estis regalataj per refreŝigaĵoj. Revene al Alicante, la gajeco daŭris!

*24-an de julio*

Matene, en la kongresejo, okazis la Kunordiga Kunsido, dum kiu oni finpretigis kelkajn el la diskutataj aferoj en la Generala Kunveno.

Je la deka kaj duono okazis la solena Fermo de la Kongreso, ankaŭ en la Sindikatejo. La kutima etoso pri bedaŭro de finiĝo de profitiga esperantista laboro, dissemado de nia ideo en tiel kosmopolita regiono, kiel estas Alicante-Benidorm, dum la tuta jaro, kaj senteme, la disigo, post agrabla kunestado,



Grupo da kongresanoj ĉe la enirejo de "Club Náutico"

estis, vere, profunde sentita, ĉar la alikanta kongreso estis, vere, elstara.

Post libera trairado en la urbo, dumvespere, okazis la Oficiala Bankedo en la Restoracio de la Kastelo Sankta Bárbara, de kie oni povas ĝui eksterordinaran spektaklon pro la nokta panoramo sur la urbo mem, la haveno, ĝis tre malproksimaj strandoj, ĝis preterveturantaj ŝipoj.

Interne, kiel kutime; rememoroj pri ĵusaj okazintaĵoj, komentarioj pri distroj, planigoj por estontaj agadoj, kaj, ĉefe, frataj sentoj inter ĉiuj. Ĉe la fino, por neŭtraligi la melankolion, gitaroj kaj kantoj gajigis la finon de la amika kunveno, kiu kulminis per dancado de la Prezidanto de H.E.J.S. kun bela junulino el Ĉilio, kaj, surprize, bela nepineto de sam.° Palacios demonstris, per vigla dancado, ke la estonto estas nia. Benata ŝi estu!

Mi ne volas fini mian povran recenzon sen esprimo de profunda danko al ĉiuj kiuj briligis la kongreson. Al la Aŭtoritatuloj, kiuj, tiel malavare oferis sian apogon; al la Komitato, kiu, tiel ĝentile kaj senlace elĉerpis siajn fortojn; al la gastama Sindikata Stabo kaj al ĉiuj, kiuj, per materiaj aŭ moralaj streĉoj, ebligis la efektivigon de tiel eksterordinara kongreso.

---

La alikanta kongreso meritis la recenzadon de nia kara forpasinta Ludoviko Hernández, aŭ de nia tre vivanta kaj vigla priskribinto Salvador Gumá. Manke de ili, vi devis legi la tre malbrilan de via malelstara:

*Cirano*



**Laŭrokrono sur la nomotabulo de la strato Vicente Inglada**

# PLEJ GRAVAJ OKAZINTAĴOJ DE LA 23-a I. F. E. F. - KONGRESO

Kiam Majo revenas, ĉiuj homoj ĝojiĝas. Eble pro la ekfloriĝo de la arboj kaj pro la junaj folioj. Ĉefe ĝojas la fervojistaj esperantistoj: ĝi estas la monato de la I.F.E.F - Kongreso.

Ĉijare la kongreso de la esperantista fervojistaro de Eŭropo okazis en Maribor (Jugoslavio), malnova urbo kun malnovaj domoj kaj preĝejoj, kiu situas ĉe la rivero Drava. En ĝi partoprenis 778 geesperantistoj el 20 landoj (41 el Hispanujo).

Oni povas konstati ke niaj kongresoj estas vere internaciaj, tamen se ili ĉiam estas "familiaj-kongresoj" estas eble pro nia simila profesio.

La aranĝoj okazis laŭ la programo: Sabate je la 20-a horo kaj en la granda salono "Center" okazis la vigla, amuza kaj ĝoja interkona vespero, kun dancado, trinkado kaj babilado ĝis la noktomezo.

Dimanĉon la 15-an je la 10-a horo okazis la solena malfermo de la kongreso en la salono "Union", kun ĉeestado de urbaj aŭtoritatoj kaj fervojaj instancoj kiuj en Esperanto aŭ en Jugoslava salutis la kongreson kaj bonvenigis la kongresanojn al la urbo Maribor. Sekve, Delegitoj de landaj asocioj salutis en la nomo de siaj landoj la 23-an Kongreson kaj finfine la Prezidanto S-ro Giesnar deklaris malfermita la kongreson. Tuj sur la ŝtuparo de la salono kolektiĝis la gekongresantoj por komuna fotografado.

Posttagmeze oni prezentis kelkajn turismajn filmojn inter ili estis prezentata hispana filmo "TIO ESTAS BARCELONO" de la turisma fako de la urbodomo de Barcelono. Vespere en la salono "Union" okazis folklora teatra prezentado; dum du horoj oni povis rigardi la plej belegajn dancojn de la diversaj jugoslavaj regionoj bonege ludatajn de la trupo.



Parto de la grupo de hispanaj partoprenantoj en la 23-a I.F.E.F.-Kongreso en Maribor, antaŭ la Kongresejo.



La Prezidanto de H.E.F.A. donacas al Urbestro de Maribor hispanajn memoraĵoin

Lundon matene komenciĝis la kongresaj laborkunvenoj en siaj diversaj fakoj (estraro, komitato, junularo, prelego, terminaro kaj statuto). Estis ekskurso al apuda montaro Pohorje. Tra la densa pinaro ni promenis ĝuante la malvarmetan veteron kaj rigardante sube la belegajn pejzaĝojn de la maribora regiono. En salono "Center" bele aranĝita okazis la internacia balo. Malfermis ĝin kvar paroj da dancistoj kiuj mirinde montris al la kongresantoj la belecon de la diversaj dancoj interpretataj de la orkestro. Post tiu ĉi belega prezentaĵo, la dancejo estis je dispono de la kongresanoj kiuj entuziasme invadis ĝin kaj ĉiam pli kaj pli vigle dancis ĝis la 1-a h. post noktomezo.

Mardon okazis duontaga ekskurso per speciala vagonaro al urbo Ptuj situanta 25 Km. de Maribor, sur maldekstra bordo de rivero Drava. Ĝi estas unu el la plej antikvaj urboj de Jugoslavio, kiun fondis la roma imperiestro Titus Flavius Vespasianus en la jaro 69 p. K. Ankoraŭ estas bone konservataj multaj valoraj kulturaj monumentoj kiujn ni vizitis dum la ekskurso. Tre interesa estis la vizito al la impona kastelo kun ĉirkaŭa muro kiu datiĝas de la 9-a jarcento. En ĝi oni vidis riĉan meblitan nobelulan loĝejon kun kolektoj de malnovaj armiloj, antikvaj muzikiloj, grandaj gobelinoj, dekoraĵoj, k.s.

Merkredon matene estis la fakprelego tre bone gvidata de Inĝ. Ludoviko Sekereŝ kiu traktis pri "Modernigo de Jugoslava Fervojo". Oni vizitis la fabrikon de fervojaj veturiloj "Boris Kridric" gvidate de la estro de la entrepreno, kiu regalis al la vizitantoj per refreŝiga trinkaĵo. Tagmeze la urbestro de Maribor speciale invitis la hispanajn kongresantojn al honora vino; dum ĝi, la urbestro amike kaj tre simpatie interbabilis kun la vizitantoj rememorante sian agrablan restadon en Barcelono kaj aliaj hispanaj urboj okaze de sia vizito al nia lando antaŭ tri jaroj.

En la plenkunsido kiu okazis ĵaŭdon matene, estis anoncite ke definitive oni akceptas kiel kongresurbon por la venonta jaro la belegan svisan urbon Lugano kaj la dato por ĝi estos de la 6-a ĝis la 12-a de majo 1972; por la jubilea kongreso en 1973 estis elektita la dana urbo Aarhus.

Je la 16-a horo la junuloj de I.F.E.F., batalis per futbalmaĉo kontraŭ la teamo "Fervojisto" de Maribor. La resulto estis 4-1 malfavore al I.F.E.F.-anoj, sed ĉiuj amuziĝis kaj je la fino ĉirkaŭbrakis unu la alian kaj kune grupiĝis por fotomemoraĵo.

La teatra vespero finis la kongresajn aranĝojn en Maribor; ĝi okazis je la 20-a h. en la luksa salono Slovena Nacia Teatro, per la mirinda prezentado de la triakta komika opero "La najtingalo el Gorenjisko" longe kaj varme aplaŭdata de la tuta ĉeestantaro.

Kiel taŭga fermilo de tiu ĉi mirinda kongreso, okazis la lastan tagon tuttaga ekskurso al Postojna kien ni eniris surmetinte dikan vitran mantelon ĉar malgraŭ la varma temperaturo reganta sur la strato, en la groto, la temperaturo estis terure malvarma.

En apuda restoracio kaj post la komuna tagmanĝo nia prezidanto, per emocia parolado, fermis la kongreson dankante al la prezidanto de LKK la bonan organizon de ĉiuj aranĝonj. Por la kongresaj ĉeestantoj, Sro. Giesner ankaŭ havis kortuŝajn vortojn kaj invitis ilin partopreni la venontan kongreson en Svislando. Ni diras al li "Ĝis revido en Lugano".

*José Cerezo*

# ESPERANTO ANTAŬ LA PUBLIKO

La Granda Enciklopedia Vortaro *Salvat Universal*, kiu publikiĝas per apartaj semajnaj kajeroj, aperigis la freŝe eldonitan kajeron n.º 134, kiu sub la rubriko *Esperanto* donas en preskaŭ tutpaĝa, ampleksa artikolo, ĝeneralan trarigardon sur la diversaj aspektoj de nia lingvo. Koncize sed informoriĉe menciiĝas la historio, strukturo, gramatiko, leksikologio, literaturo kaj bibliografio de Esperanto ĝis la jaro 1969.ª.

Sendube la artikolo tre grave kontribuos al la diskonigo inter la ĝenerala publiko de la veraj karaktero kaj stato de nia lingvo kaj fariĝos plia faktoro en la kreskigo de la intereso kaj la simpatio, kiujn Esperanto vekas en rondoj ĝisnune indiferentaj aŭ eĉ rekte opoziciaj.

Gratulojn pro la bona laboro al la Granda Enciklopedia Vortaro *Salvat Universal* kaj al nia membro D-ro J. Régulo Pérez, kiu kompilis kaj redaktis la artikolon je peto de la redakcio de *Salvat*.

Aliflanke, en gravaj ĵurnaloj de Hispanujo aperis, en diversaj datoj kaj urboj, artikolo verkita de la eminenta aŭtoro, Nobel premiito Miguel Angel Asturias, sub la titolo "Doktor Esperanto". La fama romanisto gvatemala simpatie kaj kunsente skribas pri nia lingvo kaj ties celoj, sed, eĉ se tio ne estis en lia intenco, li iel sugestas al la legantoj ne bone antaŭinformitaj la jam arkaikiĝintan koncepton, ke la esperantistoj konsistigas aron da zelotoj kaj iom ekstravagancaj homoj. Liaj jenaj linioj povas facile misgvidi kaj krei eraran impreson:

"Pero mientras el Doktor Espera, sus seguidores marchan por las calles y las plazas, los atrios, los templos, los mercados y atraen al público con su nuevo evangelio. Llevan consigo una valijita, como los agentes viajeros y los prestidigitadores. Y de esta valijita van sacando, en forma misteriosa, los objetos más raros. Un huevo, una espátula, un pincel, una fruta de estación, una flor, un ave disecada, una máscara que ríe. De momento tenemos la impresión de que se trata de objetos que van a hacer desaparecer ante nuestros ojos asombrados. Pero no es así. El objeto sirve para fijar mejor las ideas. Lo muestran y luego dicen en esperanto como se le designa..."

Tamen la artikolo, en sia tuto, lasas pozitivan impreson, kaj tion ni devas danki al S-ro Asturias, ke li per siaj argumentoj kaj per sia persona prestiĝo ĵetis favoran lumon al nia afero.

# LA FESTO DE LA ESPERANTA LIBRO

La 15-an de decembro estas la Tago de Zamenhof; tutcerte ĉiuj Grupoj festos tiun tagon en maniero plej adekvata por plifortigi la internajn rilatojn kaj vigligi la movadon.

En tiu tago, omaĝe al Dro. Zamenhof la esperantistoj festas la tagon de la Esperanta Libro, ĉar nenio estas pli bona por helpi la progreson de lia verko, ol helpi la progreson de ĝia literaturo. Tial, estas bone organizi interesajn ekspoziciojn, sed, vi ne devas forgesi ke por efike helpi la progreson de la Literaturo bezonas ne nur ke la verkistoj montru per sia kapablo la eblecojn de la internacia lingvo en ĉiuj kampoj, kaj, ke la eldonistoj klopodu prezenti al ni tiujn verkojn, sed, bezonas ke la esperantistoj helpu al tiu laboro aĉetante la librojn.

En Esperanto oni eldonis verkojn por ĉies gustoj. Ĉu vi jam pensis kiun libron vi aĉetos?

Libroservo de H.E.F. estas preta servi vin. Meditu iomete kaj sendu vian libromendon.

# JOSE ERNESTO GUILLEM TARIN

La 11-an de aŭgusto forpasis en Limoges (Francujo), S-ro José Ernesto Guillem Tarín, el Valencio...

Kun profunda bedaŭro ni legis la malĝojigan novaĵon: Nia kara samideano kaj amiko, tiel konata de la hispanaj esperantistoj pro sia sindonemo kaj agemo, mortis kaŭze de subita kormalsano, reveninte de Parizo, kie li feriis kun sia edzino.

Fervora esperantisto kaj entuziasma federaciano, li estis unu el ĝiaj plej aktivaj membroj. Dum la lasta tempo de la Federacio en Valencia, li estis ĝia kasisto.

Por lia familio, speciale por lia edzino kaj filo, kaj por la Grupo Esperantista de Valencia, kie li aktivis, nian plej sinceran kondolencon.

PACAN RIPOZON AL LI!

# JOSE DE PALMA ANDRES

La 28-an de julio, post subita rapida malsano, forpasis en Valladolid, nia elstara samideano kaj amiko S-ro José de Palma Andrés, fidela membro de nia Federacio kaj de la grupo "Fido kaj Espero", kie li aktivis kaj kies Sekretario li estis dum pluraj jaroj.

Pacan ripozon al li!

Por lia familio nian plej sinceran kondolencon.

# M.ª LUZ GALAN

Ankaŭ forpasis en Valladolid, la 26-an de julio, S-ino M.ª Luz Galán.

Pacan ripozon al ŝi!

Nian sinceran kondolencon por ŝia familio.

DONATIVOS PARA BOLETIN - 1971

| | | |
|---|---|---|
| *Suma anterior* ... ... ... | 3.026 | ptas. |
| Esperanto-Klubo Payá (Mislata) . ... | 740 | » |

Vicentita, 5; Ana María, 5; Rosita, 5; Juanita, 5; Lolín, 5; Reme, 5; Eliseta, 5; Adelita, 5; Josefa, 5; Pilar, 5; Gertru, 5; E. Collado, 5; Amanda, 5; Conchín, 5; C. Barbastre, 5; Isabel, 5; V. Peña, 5; Mónica, 5; Vilaplana, 25; Vicente, 10; Tonet, 10; Alfredo, 10; Forés (elec.), 10; Eduardo, 10; Pablito, 10; Jaurés, 10; Ruz, 10; Catalá, 10; Blasco, 15; Julio, 15; Felipe, 10; Juanito, 10; Amador, 5; Giménez, 15; Pomares, 10; Forés, 10; Torregrosa, 5; A. Valenzuela, 10; Cruz, 5; Enrique, P., 5; Jesús, 15; Aparisi, 10; Ceas, 15; Alapont, 10; Leopoldo, 10; Ramonet, 5; Francisco, 10; Valero, 10; Lozano, 10; Roberto, 50; Mateu, 25; Modesto, 25; Maroto, 10; Santos, 5; Ruiz, 10; Albero, 10; Fas, 10; Alcantarilla, 10; Carlitos, 10; Jacinto, 25; José, 25; Isaías, 10; Zamora, 10; Rafael, 10; Pasenal, 10; J. Soria, 10; Críspulo, 10; Lozano, 10; Donate, 10; Ballester, 10; Pais, 10; Fortea; 10.

| | | |
|---|---|---|
| Maurice Henry (Francia) ... ... ... ... | 80 | » |
| Joaquín Hutesa (Sabadell) ... ... ... | 50 | » |
| Alberto Sánchez (Madrid) ... ... ... | 50 | » |
| Vicente Santamaría (Valencia) ... ... | 100 | » |
| Juan Bosch (Valencia) ... ... ... ... | 50 | » |
| *Total* ... ... ... ... ... ... | 4.096 | » |




# EŬKARISTIO KAJ ESPERANTO

**Bildo de la flortapiŝo per kiu la Esperantista Societo de Tenerifo kontribuis al la festo de la Korpo de Jesukristo en La Laguna, junio 1971.**

**Foto: A. SoRo**

Jam de ĉirkaŭ 150 jaroj ekzistas tradicio en Tenerifo (Kanariaj Insuloj), laŭ kiu en kelkaj urboj oni ornamas per flortapiŝoj la vojon, kiun trairas la procesio de la Korpo de Jesu-Kristo (latine: *Corpus Christi*). En Tenerifo estas juste famaj la flortapiŝoj de la urboj La Laguna, La Orotava kaj Tacoronte; sur la insulo La Palma, ankaŭ en la Kanaria Arĥipelago, la plej grandan reputacion havas la flortapiŝoj de Mazo, El Paso, ktp. En kelkaj esceptaj kazoj, la tapiŝoj ne estas nur el floroj; tradicie, la plej granda kaj plej admirata tapiŝo de La Orotava, sur la ĉefplaco kontraŭ la urbodomo, estas ĉiujare farata per teroj kun malsamaj koloroj prenitaj el la monto Tejde, impona pravulkana konuso, kiu leviĝas 3.720 metrojn super la marnivelo kaj sekve estas la plej alta pinto en la tuta geografio de Hispanujo.

En La Laguna kutime kovras per flortapiŝoj la tradician vojon de la procesio ĉiaspecaj societoj, ekde bankoj kaj militaj korporacioj, ĝis kulturaj centroj, liceoj, lernejoj, sed inkluzivante, kompreneble, privatulojn kaj ĉefe piajn organizaĵojn. Ĉiuj noble kaj amike konkuras por plej bela prezento de eŭkaristiaj motivoj kaj plej arta aranĝo de la tapiŝo. Nu, la Esperantista Societo de Tenerifo, kiu havas sian sidejon en strato, kiun trairas tiu fama procesio, jam de jaroj ricevas inviton —kiun ĝi akceptas— de la urbestro partopreni la feston per flortapiŝo. La urbestraro provizas la tapiŝfarantojn per la krudaj bazaj elementoj, ekzemple verdaj dispecigitaj erikobranĉoj kaj aliaj ingrediencoj, sed la motivo, la floroj, la laboro kaj la prizorgado de la tapiŝo ĝis la momento de la procesio estas afero de ĉiu kontribuanto.

Sur la apudaj bildoj oni vidas la tapiŝon de la Esperantista Societo de Tenerifo en 1971, dum farado kaj jam preta. Ordinare oni laboras la tutan matenon, ekde tre frue; sed ne estas maloftaĵo vidi homojn, kiuj faras la unuajn aranĝojn jam en la vespero de la antaŭa tago. Generale ĉiu tapiŝo ampleksas de

unu trotuaro ĝis la alia, kaj ĉar bildoj de la tuto apenaŭ donas ĝustan impreson pri la grando kaj laboro, jen ĉi-jare ni donas bildon kun detalo kiel F-inoj Ana Régulo (kun florita bluzo) kaj Ana Ferrer (kun nigra bluzo) formas la vorton JUNIO per floroj. Ke temis pri ESPERANTO ĉi-jare estis indikite nur per verda stelo sur blanka fono. La tapiŝon tre laŭdis multaj kompetentuloj, pro ĝia simpla motivo kaj bela kolorkombino.

J. R. P.



**F-inoj Ana RÉGULO (florita bluzo) kaj Ana FERRER (nigra bluzo) kunmetas per floroj la vorton JUNIO de la flortapiŝo, kiun la Esperantista Societo de Tenerifo aranĝis por la procesio de Corpus Christi 1971.**

**Fotis: A. SoRo**

## PREMIO «FRANCISCO MAÑEZ

S-ino Victoriana Bueno, vidvino post nia karmemora Francisco Máñez, kies eksterordinara pionira laboro por nia lingvo estas en ĉies memoro, decidis starigi, kiel omaĝon al lia figuro, la premion

FRANCISCO MAÑEZ,

kun la celo rekompenci per la sumo de 2.000 pesetoj kaj diplomo, ĉijare, la instruiston aŭ instruistinon, de oficialaj lernejoj, kiu plej sindone kaj kun plej bonaj rezultoj instruis Esperanton dum la jaro.

La transdono de la premio okazos la 18-an de ĉiu monato decembro, kaj la meritojn de la aspirantoj ekzamenos kvalifikita juĝantaro.

Por prezentado de meritoj kaj por pliaj informoj, la interesatoj sin turnu al S-ro Emilio Gastón, P.º Marina Moreno, 14, 3.º dcha. Zaragoza.

Zaragoza la 31-an de aŭgusto de 1971.

*Emilio Gastón*
Sekretario



# 56 CONGRESO UNIVERSAL DE ESPERANTO EN LONDRES

**Grupo de congresistas ante la iglesia de la Universidad.**

Con la brillantez acostumbrada se celebró el 56 Congreso Universal de Esperanto en Londres.

El éxito coronó el trabajo de los organizadores que merecieron el elogio de todos los asistentes por la perfecta organización del Congreso.

La participación española este año fue bastante nutrida. Además del grupo organizado por la Sección Esperantista Española de Turismo, integrado por esperantistas de Bilbao, Valencia, Navarra y Zaragoza, acudieron esperantistas de Madrid, Barcelona, La Laguna, Sevilla y Bilbao.

La "Interkona Vespero" tuvo lugar en University College, donde estaba instalada la sede del Congreso. Allí nos pusimos en contacto con el resto de españoles que habían acudido por distintos medios que nosotros.

La alegría del encuentro con antiguos amigos a los que se desea saludar y el conocimiento de otros nuevos, deja cada año en nuestro espíritu un sentimiento de paz, que hace pensar en un mundo mejor.

La solemne apertura del Congreso tuvo lugar la mañana siguiente en Royal Festival Hall; más de 2.000 congresistas de 40 países se dieron cita en el magnífico salón. Presidió el acto el Presidente de U.E.A. Prof. Dr. Ivo Lapenna, quien leyó traducida al Esperanto, una interesante carta del Alcalde de Londres, que no pudo acudir por asuntos propios de su cargo.

Dividido por pausas musicales perfectamente ejecutadas por un trío, el programa se desarrolló según el orden establecido a lo largo de los años. En nombre de H.E.F. saludó su Presidente, Sr. Figuerola.

El discurso del Dr. Lapenna, como de costumbre, fue una magnífica lección en todos los aspectos.

Nuestro himno, la Espero, puso punto final a la solemne sesión de apertura.

A las 3,30 y 4 de la tarde, respectivamente, se celebraron los Oficios de KELI y de IKUE. La misa organizada por IKUE, que fue a la que nosotros asistimos tuvo lugar en la Iglesia de la Universidad. El asistir a una misa concelebrada

en una lengua común a todos, por 8 sacerdotes de distintos países, es algo que impresiona, anegando el espíritu de verdadero sentimiento de amor a la humanidad. Predicó el Padre Thalmaier.

Terminó el día con la presentación de la "Brita Vespero". El conocido escritor Retto Rosetti presentó las dos partes del programa, que mereció el unánime aplauso de los asistentes.

Durante la semana fueron celebrándose las dos reuniones generales de UEA y las del Comité de la Asociación, aparte de las reuniones de las diversas organizaciones internacionales especializadas.

Tres fueron los temas principales a tratar durante el Congreso, como muy bien expuso en su discurso de la sesión de apertura el Dr. Lapenna. Puntos que se discutieron según el orden previsto en el programa. El primero a tratar de estos temas fue: "Neŭtraleco de UEA - ĉu la nuna laŭstatuta koncepto estas adekvata?" en el Debate celebrado el día 2, bajo la presidencia del Sr. Carlen, Vicepresidente de UEA. Dirigió la discusión el Prof. Lapenna, quien a modo de introducción presentó el tema de discusión en el Libro del Congreso.

Por haberse llenado el salón antes de la hora indicada, para gran número de congresistas que no pudieron entrar, se organizó en otro salón una discusión paralela, dando por resultado la votación celebrada al final de ambas discusiones el triunfo del actual concepto de neutralidad seguido por UEA, con solo siete votos en contra y tres abstenciones.

La segunda reunión general de UEA (Forumo) estuvo plenamente dedicada a otro de los puntos base a tratar durante el Congreso: "La problemo de lingva komunikado en la nuntempa mondo". La reunión a la que asistimos más de mil personas fue presidida por el Sr. Wensing, Vicepresidente de UEA, dirigiendo la discusión el Prof. Lapenna. Para participar en esta reunión habían sido invitados representantes de importantes organizaciones dedicadas a la difusión de lenguas nacionales: British Council, Alliance Francaise, Moskva Universitato, Goethe Instituto... Al no tomar parte activa en la discusión más que los representantes de British Council y Alliance Francaise —este último esperantista—, la reunión fue solo bilingüe (Inglés y Esperanto, con traducción simultánea). El resultado de la discusión da la "resolución" del Congreso, que aparece en forma destacada en esta revista.

Y por último, el tercer tema base: "Agado en Eŭropo". La comisión nombrada para estudiar el programa a realizar, se reunió el martes bajo la presidencia de Dro. W. Bormann, dando por resultado la resolución que publicamos aparte.

Muy interesantes fueron las conferencias celebradas en el cuadro de la Universidad Internacional de Verano.



La mesa de la presidencia durante la interpretación de "La Espero" en la solemne sesión de apertura del Congreso.




**Parte de los componentes del grupo organizado por H.T.E.S. a su llegada al aeropuerto de Londres para emprender el viaje de regreso.**

Al Concurso de Oratoria se presentaron cuatro candidatos, siendo adjudicados dos premios: 1.º a S-ino Aberg, de Suecia, y el 2.º a S-ro Haazen, de Bélgica.

En el Concurso Literario quedaron sin adjudicar los premios correspondientes a Prosa original y Drama original, recibiendo mención honorífica en esta última rama, S-ino Nevena Nedelĉeva, por su aportación titulada "Jubileo". En Poesía original se adjudicaron el 2.º premio a S-ro Eduardo Tvarozek (Checoslovaquia), por el poema "Al la vento", y el 3.er premio a S-ro Myamoto Masao (Japón), por el poema "Sarmente el la vivo". En Poesía traducida el 1.er premio fue para el Prof. Gaudenzio Pisoni (Italia), por su traducción de "Piano dum la nokto" de Salvatore di Giacomo, y el 2.º premio se adjudicó en igualdad a D-ro Julius Balbin (USA), por "Mi atendas" de Lawrance Ferlighetti, y al S-ro Adam Hrynkiewicz (Ergoto de Bonaero) Argentina, por "Kristnaska kanto" de Juan del Encina.

**El premio "Nuevo Talento", fue para S-ro Kenheth Linton (Australia), por "Vojrabistoj" de Alfred Noyes.**

**La recepción en el Ayuntamiento tuvo lugar el día 2, a las seis de la tarde; a ella asistimos 200 invitados que fuimos recibidos por el representante del Alcalde y demás miembros del concejo, quienes nos obsequiaron espléndidamente y con quienes los esperantistas departimos amigablemente.**

**El baile, que como de costumbre tuvo lugar a continuación del banquete oficial, resultó muy animado. durando hasta después de la media noche. También el baile juvenil estuvo muy animado, ya que se sientieron jóvenes gran parte de los congresistas.**

**La representación teatral por parte de la Bulgara Esperanto-Teatro fue perfecta. No me refiero a la obra "Mandragoro" de Makiaveli, por ser harto conocida, sino a la presentación de la misma y a la labor de los artistas, que nos supo a promesa de que vuelva a ser un placer el asistir a las representaciones teatrales en Esperanto.**

**La Internacia Vespero de Kanto fue muy del agrado de todos, en la primera parte se cantaron trozos de ópera y canciones clásicas, y en la segunda parte canciones populares, algunas originales en Esperanto. Todos los artistas fueron muy aplaudidos.**

**Las excursiones todas muy interesantes. Nuestro grupo se dividió entre la excursión a Canterbury y a Oxford, donde aparte de la Universidad, visitamos el palacio Blenham, residencia de la familia Churchill, donde nació el famoso estadista. Aparte de las excursiones todos los días mañana y tarde, había visita a la ciudad.**

**La visita a la Infana Kongresejo tuvo lugar el martes día 3; como la distancia era bastante considerable (125 km. de Londres), se preparó un autobús que salió**

por la mañana para regresar por la noche. La estancia en el centro St. Mary's Bay School Holiday, resultó verdaderamente agradable, la simpática fiesta organizada mereció el unánime aplauso de los asistentes, lo mismo por la organización que por la interpretación de los pequeños artistas. Al final de la representación fuimos obsequiados con pastas y refrescos.

El de este año, ha hecho el número 12 en la lista de Congresos Internacionales Infantiles celebrados dentro del marco de los Congresos Universales de Esperanto, en él participaron 76 niños de 14 países. Gran mérito el de los organizadores en cada país, consagrando su labor y su tiempo durante esos días a educar a unos niños hacia la amistad internacional por medio de la aplicación del Esperanto. Nuestra felicitación al Sr. Raif Markarian (Inglaterra), director del 12 Congreso Internacional Infantil, y a sus colaboradores Sres. Anna de Angeli (Italia), Christian Declerk y Agnes Geelen (Bélgica), Philip Buttinger y Jellz Koopmans (Holanda), Helena Hegedüs (Hungría), Jozo Marevîc (Yugoslavia), Ewa Radecka (Polonia), Kimie Markarian (Japón) y los Sres. John Murray y Sres. Bert Sullivan (Inglaterra).

Llegó el final del Congreso, y el sábado día 7 por la mañana, tuvo lugar su clausura. Lectura de la resolución del Congreso, presentación de la nueva directiva de U.E.A., proclamación de los resultados de los Concursos de Oratoria y Literario, agradecimientos y despedidas, simbólica entrega de la bandera al representante de Portland... Y, tras las palabras de ritual con las que el Presidente dio por clausurado el Congreso, el canto de "La Espero" por todos los asistentes puestos en pie, puso punto final al 56 Congreso Universal de Esperanto.

**Inés Gastón**



**Congreso Infantil. 1.° a la izquierda Rafael Gastón, único participante español**

## LIBROSERVO

Aun cuando mi dimisión como encargada del servicio de venta de libros la presenté a la Junta General, hoy la reitero ante todos vosotros, ya que fueron muchos los miembros de la Federación que no asistieron a dicha Junta.

Mi dimisión la haré efectiva en 31 de diciembre del corriente año 1971, con cuya fecha os presentaré la liquidación del año en curso, ya que para cuestiones administrativas la Federación se rige por años naturales.

Es de esperar que para esa fecha se habrá podido dar a conocer en BOLETIN el nombre de la persona encargada de Libroservo para en adelante.

***Inés Gastón***

## KONGRESA REZOLUCIO

La 56-a Universala Kongreso de Esperanto, okazinta en Londono de la 31-a de julio ĝis la 7-a de aŭgusto 1971 en la ĉeesto de 2.100 reprezentantoj el 40 landoj.

1. Notas kun kontento la grandan interesiĝon, kiun elvokis ĉe la publiko de la kongresa lando kaj internacie la ĉeftemo de la Kongreso "La Problemo de Lingva Komunikado en la Moderna Mondo", pritaktita en formo de Forumo en la ĝenerala kunveno de la Kongreso de la 4-a de aŭgusto;
2. Esprimas sian dankon al la raportintoj, al British Council, Goethe Institut kaj aliaj institucioj aŭ organizaĵoj pro iliaj kontribuoj kaj atento;
3. Konstatas, ke la prezentitaj raportoj, aldonaj raportoj kaj kontribuoj ankoraŭfoje evidentigis la eksterordinaran gravecon de la problemo de interkomunikado per lingvo en internaciaj rilatoj en mondaj kadroj; ke tiu problemo postulas urĝan solvon, por kiu, pro la konfliktantaj interesoj de la naciaj lingvoj, la neŭtrala Internacia Lingvo prezentiĝas kiel la plej racia solvo;
4. Komisias la Estraron de Universala Esperanto-Asocio komuniki tiun ĉi Rezolucion al Unuiĝintaj Nacioj, al U.N.E.S.C.O., al reprezentitaj institucioj kaj aliaj interesitaj internaciaj kaj naciaj instancoj.

## "EŬROPA KOMISIONO" - REZOLUCIO

Reprezentantoj el la landoj de la Eŭropa Ekonomia Komunumo (Komuna Merkato) —ŝtatoj-membroj kaj kandidatoj— aparte kunvenantaj en la kadro de la 56ª Universala Esperanto-Kongreso en Londono, de la 31.7.1971 al la 7.8.1971,

KONSTATINTE ke okaze de la ĵusa oficiala intertraktado pri eniro de Britujo en la E.E.K., publike evidentiĝis la ekzisto de grava lingva problemo en la sino de oficiala internacia organizaĵo,

NOTINTE kun intereso la fakton, ke la uzado de unu lingvo kiel ĉefalingvo estis tiuokaze sugestita, malgraŭ la formala egaleco de lingvoj en la komuna merkato,

KONVINKIĜAS tamen, ke tiu sugesto de unu nacia lingvo por ludi tiun rolon, pli malpli frue kreos nataŭgan laboretoson, pro ĝia diskriminacia karaktero kontraŭ aliaj lingvoj,

KONSCIAS, ke tiu situacio ankoraŭ pli graviĝos tiam, kiam la E.E.K. etendiĝos al aliaj landoj, kun diversaj lingvoj,

KONTRAŬSTARAS la kredon, ke iam unu nacia lingvo povos esti la Eŭropa lingvo,

CERTIGAS, laŭ propra sperto, ke la neŭtrala Lingvo Internacia Esperanto absolute taŭgas kiel solvo por rektaj interrilatoj interne de la eŭropaj organizoj kaj pli ĝenerale inter la eŭropaj popoloj mem......... neniel malhelpante la pluan liberan evoluon de la naciaj kulturoj kaj lingvoj,

ATENTIGAS denove, kiel konfirmis lingvistoj kaj scienculoj, ke la pli ol 80-jara tradicio de Esperanto pruvis ĝian valoron kiel esprimkapablan lingvon, interalie de diplomatio, juro, ekonomio kaj politiko,

AKCENTAS plue, ke nur la universala uzo de Esperanto por la mondaj internaciaj rilatoj restas la sola rimedo por forigi la lingvajn problemojn.

D-ro P. Denoél (Belgujo), D-ro John Wells (Britujo), S-ro Gustan Kühlmann (Danlando), S-ro J. Rousseau (Francujo), D-ro W. Bormann (FR Germanujo), D-ro Giordano Azzi (Italujo), S-ro E. J. Woessink (Nederlando), S-ro L. Anjer (Norvegujo).

---

La materialo de la Forumo estos publikigitaj en la revuo "La Monda Lingva-Problemo" eldonata de Mouton & Co. Postbus 1132 Den Haag, Nederlando, sub aŭspicio de la Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo-Problemo.

# 13ª BARCELONO - PROVINCA ESPERANTISTA RENKONTIĜO EN SANT CUGAT DEL VALLÉS



**Grupo da partoprenantoj en la 13-a Barcelono-provinca Esperantista renkontiĝo**

La pasintan 20-an de junio okazis la ĉi jara renkontiĝo en Sant Cugat del Vallés, urbo proksima al Barcelono, kuŝanta trans la monto Tibidabo kaj fama pro la antikva kaj arta benedikta monaĥejo, nun paroĥa preĝejo kaj fakultato pri beletro de la Aŭtonoma Universitato de Barcelono.

Unue ni renkontiĝis ĉe la "Unión Coral Sancugatense", ĥora societo kun nova esperantista sekcio kaj sekve ni aliris al la monaĥejo preĝejo por ĉeesti la Sanktan Meson. Pleniĝis la vasta kaj arta preĝejo, ĉar pli ol tri cent geesperantistoj partoprenis en la ĉi-jara renkontiĝo.

Kuncelebris la meson en Esperanto Patro Claramunt, Sch. P. kaj Patro Casanoves C.M.F.

Patro Casanoves predikis en Esperanto. Li komencis la predikon per la vortoj: "Tre estimataj gefratoj kaj samideanoj". Kaj kun humileco li diris, ke li preskaŭ hontas fari predikon en tiu elstara arta konstruaĵo, tiel plena de historio.

Pri la renkontiĝoj li asertis, ke ili estas io serioza, kiel ankaŭ la movado estas serioza, ĉar Esperanto nek devas esti nura tempopasigilo nek rimedo. Kompreneble oni rajtas amuziĝi, ĉar renkontiĝoj kaj kongresoj estas grandaj festoj por la esperantistoj. La Prezidanto de IKUE en la nacia kongreso de Barcelono diris: "Kongreso estas festo, ĉar en ĝi ni povas frekventi homojn de aliaj naciecoj kaj religioj.

Patro Casanoves menciis, ke nun Esperanto havas la rajton uziĝi kiel liturgia lingvo, kaj tiu agnosko kaj oficiala akcepto de Esperanto havas netakseblan gravecon. Rilate la kongresojn internaciajn, li vidas la subitan interkompreniĝon de la esperantistoj kvazaŭ sur ilin estus malsupreninta la Sankta Spirito. Oni rememoras la fervoron, kiun ekhavis la kunvenintoj de la unua esperantista kongreso en Bulonjo ĉe Maro, kiam diversaj landanoj povis interkompreniĝi kaj samtempe unuafoje en sia vivo aŭdis la belan sonon de Esperanto. Ili estis kiel en Pentekosto, ĉar la pentekosta miraklo ripetiĝas per Esperanto. Ili povis interkompreniĝi, kvazaŭ sur ilin estus malsuprenirinta la Sankta Spirito kun la miraklo de la interkomprenebleco.

Sed tiel en la esperantista movado, kiel en la unuopaj esperantistoj, post la granda entuziasmo alvenis amara seniluziiĝo.



**Surstrata Esperanto ekspozicio**

Tio estas tute natura. Ni klopodu eviti tiun seniluziiĝon en nia movado. Ni laboru per scienca laboro, ni estu pli raciaj ol entuziasmaj. Mi pri tio rememoras vortojn de Patro Marko Lliró, Sch. P. el Sabadell. En la internacia kongreso okazinta en Vieno mi havis la okazon legi leteron de Patro Marko Lliró senditan el Igualada kun dato 2.ª septembro, 1919. Sur ĝi mi povis legi tiujn ĉi liajn vortojn: "Mi volas esti racia, ne nur entuziasma".

Kiom da malnovaj esperantistoj, kiuj estis nuraj entuziasmuloj, hodiaŭ eĉ ne volas aŭdi la nomon de Esperanto!

Ni estu entuziasmaj kaj fervoraj idealistoj, sed kun entuziasmo en akordo kun solida kaj matura ideo.

Patro Casanoves finis sian elstaran predikon per la vortoj: "La Sankta Spirito estu fajro por la koro kaj lumo por la menso".

Post la meso, la ĉeestantaro direktiĝis al la nomota strato Esperanto. Malkovris la nomigan tabuleton la urbkonsilantoj Petro Xercavins kaj Isidro Vendrell kaj tiu lasta faris paroladeton pri la okazaĵo rilata al Esperanto. S-ro. Rafael Arás, kiel Prezidanto de "La Unión Coral Sancugatense", loka ĥora societo kun nova sekcio de Esperanto, dankis je la nomo de la esperantistoj la aŭtoritatulojn pro la urba patroneco de la 13-an Barcelono-Provinca Esperantista Renkontiĝo.

Sekve ni aliris al la placo, kiu antaŭas la Monaĥejo, kie subĉiele estis starigita Esperanto-ekspozicio. Ankaŭ kataluna muzikistaro "kopla" ludis tie koncerton de "sardanoj", kiun patronis la Moŝta Urbestaro.

En la "Aŭla Magna" de la Aŭtonoma Universitato okazis la anoncita prelego de S-ro. Jorge Hess pri "Esperanto y la Comunicación Internacional".

Prezentis la prelegonton S-ro. Ramón Molera, kiu reliefigis la personecon de S-ro. Hess: "Esperantista pioniro en Argentino, aŭtoro de lernolibroj de Esperanto kaj aktiva kursogvidanto de la Lingvo Internacia en Sudameriko. Li havas la proprecon, ke lia edzino ankaŭ estas elstara esperantistino".

S-ro. Hess komence disertis kastillingve, menciante, ke ĵus pasis unu semajno de kiam li kaj lia edzino alvenis ŝipe de Rio de la Plata al Barcelono. Sur la itala ŝipo —malgrandeta mondo— veturas italoj, portugaloj, hispanoj kaj aliaj nacianoj. En la ŝipo ĉiu avizo estas skribita en du idiomoj. La ŝipanaro parolas itale kaj la sciigoj pri la uzo de la saviloj estas skribitaj en tri idiomoj: itale, france kaj angle. Okaze de katastrofo, kiel la vojaĝantoj, kiuj ne estas italaj, francaj kaj anglaj, povas en unu momento scii la saviluzadon? Sed tio,



Inaŭguro de strato Esperanto en San Cugat del Vallés

kio okazas surŝipe ankaŭ okazas sur la vasta Mondo. Magallanes bezonis tri jarojn por ĉirkaŭnavigi la Mondon kaj tiam oni sur ĝi parolis en proksimume tri mil idiomoj. Nun ankaŭ okazas same, kiam oni povas ĉirkaŭveturi ĝin en malmultaj tagoj.

Ne solvas la interkompreniĝon la tradukistoj, ĉar ne ekzistas tiom da ili por ĉiu tradukbezono kaj ne ĉiam tradukisto tradukas bone. Ni imagu la bezonatan tempon kaj la nombron de tradukistoj de la Londona B.B.C., kiu elsendas en dudek idiomoj. La moderna mondo bezonas Internacian Lingvon. Ne taŭgas por tio la angla, ĉar ĝi havas ĥaosan fonetikon, kiun oni nur povas regi daŭre loĝante en Anglujo. Ankaŭ ne servas por Lingvo Internacia mortinta lingvo. Ne servas la hebrea nek la latina, ĉar oni ne scias iliajn antikvajn prononcojn nek ili havas vortojn por la moderna ilaro. Kiel esprimi la frazon?: "Mi eltiras la naztukon el la poŝo de la pantalono". La romanoj ne uzis naztukojn nek pantalonojn kun poŝoj. Nur taŭgas kiel lingvo internacia, Esperanto, ĉar ĝi estas regula, facila lingvo. Ĝia aglutina vortkonstruo ne akordiĝas kun la lingvoj de la Okcidenta Eŭropo, kiuj estas fleksiaj, sed jes kun la turka, la japana kaj ĝenerale la aziaj, krom la ĉina, kiu estas unusilaba. Per malmultaj radikoj pere de sufiksoj kaj radikkunmetado Esperanto fariĝas riĉega lingvo. D-ro. Zamenhof per sia ĵus kreita Esperanto bone tradukis la verkon "Hamleto" de Shakespeare.

S-ro. Hess, por pruvi la facilecon de Esperanto, faris per rekta metodo lecionon de Esperanto kun demandoj kaj respondoj al la laika publiko.

Kiam S-ro. Hess finis sian disertacion, lia edzino postparolis kaj admonis la edzinojn de la esperantistoj, ke ili ne estu nuraj servistinoj de siaj edzoj, sed akompanu ilin en ilia kulturvivo. Niaj avinoj estis feliĉaj en la analfabeteco, sed la mondo ŝanĝiĝis kaj la kulturo evoluis. La virinoj nun havas rajtojn, tiel ankaŭ ili devas plenumi devojn.

En restoracio okazis frateca kunmanĝado kaj je la fino la reprezentantoj de esperantistaj grupoj salutis la ĉeestantaron. Sekve ankaŭ kelkaj samideanoj simpoziis pri sugestoj kaj plibonigoj por la estontaj renkontiĝoj.

Kandidatiĝas por la venonta renkontiĝo, Riell de Fai kaj Calella. En kiu el la du urboj ni kunvenos en 1972? Tio ankoraŭ restas nesciate. Do, ĝis...

G. M.

# FRANCAJ KAJ HISPANAJ ESPERANTISTOJ RENKONTIĜAS ĈE ŜTONO SAN MARTIN



**La horo de la manĝo proksimiĝas**

Kiel anoncite, la 13-an de julio, okaze de la tradicia festo organizita por la pago de la Tribovina Tributo, francaj kaj hispanaj esperantistoj renkontiĝis en la punkto nomata "Ŝtono San Martín", landlimo inter Francujo kaj Hispanujo.

Neniam mi ĉeestis en tiu ceremonio, tial mi volonte akceptis la sugeston de niaj francaj geamikoj, organizi nian ĉijaran renkontiĝon ĉe Ŝtono San Martín.

Ĉar la aranĝo okazis en labortago, la partopreno de esperantistoj estis malgranda, malgraŭ la simpatia propagando farita de la francoj pere de geografiaj kartoj, kaj la informado pri la festo aperinta en BOLETIN.

La zaragozaj esperantistoj forveturis la 12-an posttagmeze, al Hecho (Huesca), kie ni tranoktis kaj kie ni kontaktiĝis kun esperantistoj de tiu pirenea vilaĝo kaj kun la simpatia, internacia paro, geedzoj Henry-Larruga, kun kiuj la sekvantan tagon frumatene ni forveturis al Ŝtono San Martín.

La vojaĝon ni faris per privataj aŭtomobiloj, vizitante tipan vilaĝon Ansó, en la aragona pireneo, kaj ĝian belegan valon Zuriza, enirante nian najbaran regionon Navarra tra la valo Belagua, kie ni ĝuis la majestan belecon de la pejzaĝo, miriga natura cirko, je la fino de la valo en kies arbaroj la fago ekanstataŭas la pinon. De tie ni komencis la supreniron al la fiksita punkto je 1.700 m. de alteco. Feliĉe la konstruata ŝoseo ĝis Francujo, permesis al ni alveni aŭtomobile ĝis distanco nur 100 m. de Ŝtono San Martín.

Kiam ni alvenis, la Esperanta flageto portata de s-ano Decobert flirtis en la aero montrante la vojon, kaj la afabla kaj simpatia F-ino Tircazes gaje bonvenigis nin.

Agrabla momento, tiu de la salutoj inter ĵus konataj samideanoj: Sroj. Pierre Laurent, el Ruelle, kaj Michel Massemin, el Aigre, Prezidanto kaj Viceprezidanto respektive de la Franca Sud-Okcidenta Grupo, kaj iliaj edzinoj; F-ino Cosson, el Merignac... Bedaŭrinde la Prezidanto de Frateco D-ro Miguel Sancho-Izquierdo ne povis ĉeesti, sed, krom la Frateco-anoj, reprezentis la Grupon Frateco de Zaragoza, la Vicprezidanto S-ro José Andrés Aldana; ankaŭ partoprenis la kunvenon S-ro Víctor Ortiz, estrarano de H.E.F....

Ne estas nuboj... Tiel, ni povas maksimume, kapti la emocion de la monta-



Junaj geknaboj de "El Roncal" ĉeestis en siaj tipaj kostumoj

ro, de la naturo. Tre proksime ni vidas la pinton Arlas (2.150 m.) kaj iom pli malproksime la plej imponan, Anie kaj tiun nomatan la "Mesa de los Tres Reyes"... Sed, ni devis priatenti la ceremonion, kiu kunvokis kelkajn milojn da personoj de landoj ligitaj en unu nuran celon: respekto al la tradicio.

En la fiksita horo la aŭtoritatuloj de Roncal kaj Baretous ĉirkaŭas la ŝtonsignalon kiu anstataŭas la malnovan Ŝtonon San Martín, kaj komencis la ceremonio. Ĉio okazis laŭ la ordo signita laŭlonge de jarcentoj...

Nur la bovinoj, kiuj ne komprenis tiujn gravajn formalaĵojn en kiuj ili ludas ĉefan rolon, sin ribelas kaj iras laŭ sia plaĉo devigante la gardistojn elmontri sian forton kaj lertecon.
Post la ceremonio ni salutis la Urbestrojn de Isaba (Hispanujo) kaj Arette (Francujo), kun kiuj S-ro Decobert kaj mi kontaktiĝis okaze de la organizado de nia renkontiĝo.

La oficiala parto de la festo estis finita, pri ĝi raportis ĵurnaloj, radio kaj televido, en kies bildoj oni povis vidi la grupon de esperantistoj kun nia flageto kiel distingilo.

Kaj, post la fino, ni serĉis komfortan deklivon kie ni tagmanĝis en amika rondo. Bedaŭrinde, la nuboj sin prezentis improvize, kaj furioza pluvego disigis la gajan kunvenon.

Kie okazos la venontjara franca-hispana renkontiĝo? Ĉu en Pau? Ĉu en Oloron? S-ano Decobert respondos niajn demandojn.

Ni revenis tra Isaba kaj ceteraj vilaĝoj de la valo Roncal, loĝata de homoj, kies antaŭuloj konkeris la teron je la komenco de la Rekonkero, kaj akiris la unuajn nobelajn privilegiojn de la Navarra Regno.



Francaj kaj hispanaj esperantistoj kun grupo da geknaboj de "El Roncal"

## * Ni legis por vi...

ĈIGANA ROMANCARO, de Federico García Lorca, trad. Fernando De Diego. Antaŭparolo de William Auld. Enkonduko de la tradukinto. Sub la marko Stafeto, serio Beletraj Kajeroj n.º 43. Eld. Juan Régulo, La Laguna (Tenerife) Hispanujo. 110 paĝoj. Prezo: 140 ptoj.

Jen la CIGANA ROMANCARO! Jen García Lorca, kiu esprimas sin laŭ novaj vortoj sukcesantaj redoni la profundan simbolismon kaj la eksterhoman sorĉon de tiuj originalaj, kiuj propravirte suprenleviĝis kiel plej granda lirika monumento hispanlingva de la nuntempo!

Pluraj nacilingvaj aŭtoroj provis kapti traduke la raran etoson de tiuj romancoj kaj de ilia genia esprimdirado metafora. Ni bone scias ke tiuj entreprenoj pli-malpli restis je nura bonintenca alproksimiĝo, ĝenerale pro simpla limigita persona interpretado de tio abstrakta kaj mistera, ĉar en la poemoj, nur ŝajne, ĉio vidiĝas klare tra la lirika prismo, sed kiam oni volas palpi la korpecon de tiuj bildoj..., tiam oni nur kapablas tuŝi fatomorganajn ombrojn. Kaj, konsekvence, vole-nevole, ni devas situiĝi denove en la ĝustan lokon perspektivan, por ke la poeto estu nia sincera intima flustranto, nepre parolante al ni hispanlingve.

Sed mi ne volas ekskluzive diri ke tiuj tradukintoj nacilingvaj nur kapablis laŭiri sian propran subjektivan vojon. Tamen, estas agnoskate ke la versoj de la originala CIGANA ROMANCARO estas tre malfacile tradukeblaj, unue pro tio ke la ĝenerala hispana romancaro montras sin per formulo de strikteco kaj ankaŭ enfermitaj en vortriĉa ŝparemo, kaj, due, pro tio ke la stilo de Federico estas tre karakteriza antaŭ la fakto ke ĉiu vorto lia transcendas la vortaran difinon.

Almenaŭ tri atentindaj esperantistaj aŭtoroj trudis al si la taskon interpreti kiel eble plej fidele parton aŭ tuton de la CIGANA ROMANCARO. Mi ne volas preteratenti, precipe, la laŭdindan laboron de la ruso K. Gusev, kvankam li ne posedis la sufiĉan scipovon de la hispana, nek regis la lingvaĵon de García Lorca por kapabli traduki ŝlosilajn vortojn kaj esprimojn. Sed per tiu "alproksimiĝo" farita de nehispano, ni ja havis la certecon ke García Lorca povus esti digne interpretita per Esperanto, pli ĝuste ol per kiu ajn lingvo.

"Beletraj Kajeroj", sub la fama marko "Stafeto", prezentas al la tuta mondo la plej maturan kaj perfektan provon traduki la senmortecajn versojn de la poeto el Granada. Kaj tuj ni povas konstati ke tiu provo ŝanĝiĝis en la pruvon de io reale kaj mirinde konkreta kaj majstra. Fernando de Diego, vera talentulo pri tiuj aferoj, sukcesis plene, precipe, laŭ mia aprezado, pro tri gravaj faktoj, nome, ĉar li jam antaŭe fariĝis konscia ekzegezisto pri García Lorca; ĉar li regas avantaĝe Esperanton kaj ĝian plej modernan beletran leksikonon; kaj ĉar li pasie kaj respondece ellaboris tiun fruktodonan taskon, kun cerbo kaj kun koro.

Oni povas konstati ke la tradukinto ĉiam priatentis la plej specife gravajn ŝlosilajn vortojn kaj esprimojn, kaj ke li ĉiam, okaze de malfacilaĵo, elektis tiun solvon kapablan redoni la plej ĝustan ekvivalenton laŭ la celo de la originalo. Jen, nur eta ekzemplo: tiu "en la noche platinoche / noche que noche nochera" fariĝas "en la nokto nokt-arĝenta / nokto nokte nokt-intima". Ni povas vidi ke ne estas perfidita, eĉ minimume la elvokiveco.

Ni scias ke en ĉiu originala lirikaĵo abunda je metaforoj, troviĝas, nature, granda dozo da aŭtora subjektiveco. Tiuokaze bona tradukanto ne ĉiam devas fidi je sia propra subjektiveco. antaŭ tiu pli-malpli evidenta de la verkisto, same kiel li ne devas ĉiam fidi, okaze de specialaj cirkonstancoj, je la laŭlitera traduko. Fernando de Diego majstre kapablas uzi tiujn plej konvenajn rimedojn, kiam ili estas tute necesaj, t.e., li tradukas subjektive aŭ laŭlitere —aŭ laŭ ekzegeza interpretado—, laŭcirkonstance. Kaj la rezulto estas eventa. Ni provu deklami la versojn post konscia asimilado kaj meditado, kaj ni povos konstati ke la sintezado estiĝis kvazaŭ mirakle, pro fluado de la versoj kun plena atingo de iliaj originalaj senco kaj intenco.

La antaŭparolo de W. Auld ne estas flata. La skota poeto sankcias per sia aprezado de aŭtoritata kompetentulo, la altajn meritojn de tiu esperantigo, kaj ĝin situigas en la ĝustan altrangan lokon. Kaj pri la enkonduko fare de la tradukinto mem, ni diru ke ĝi rolas kiel grava eseo ensekretiganta nin ne nur pri detaloj kaj esencaj trajtoj de la ellaboritaĵo, sed precipe pri kialoj, stilo, valoro de simboloj kaj metaforoj, kaj por ke oni pli klarvide povu ĝui la poezian mondon, tre persona pro genie-

co, de García Lorca. La rezulto estas ke, traleginte tiun enkondukon oni jam pli kapablas enprofundiĝi en la malkovron de subtilaj nekonataj nuancoj de tiu poezio kiu tiel altgrade fariĝis populara, sed avare gardante, tamen, sekretojn kaj misterojn kiuj eble ne estas je la atingo de kiu ajn neavertita avidanto.

La preso estas perfekta, laŭ konstanta indeco de tiuj "Beletraj Kajeroj". Preseraroj preskaŭ ne ekzistas. Mi notis nur je la paĝo 80-a "kikerikas" anst. "kokerikas". Kaj en la sama paĝo kaj romanco, mi trovis ke la fina vorto de la verso "Poste venas Pedro Domecq" devas esti prononcita kun prozodia akcento sur la antaŭlasta silabo, sed ne sur la lasta, laŭ la originalo "Detrás va Pedro Domecq". Sed tio preskaŭ ne estas menciinda.

Ni hispanoj, ni esperantistoj, ni admirantoj de la granda poeto, jubilas pro tiu granda laboro, kiu plie universaligas la plej karakterizan poemaron de Federico. Dankon, Fernando de Diego! Dankon, "Stafeto"!

*G. Mora*

HUMOROJ. — William Auld. Antaŭparolo de Henri Vatré. 68.ª volumo sub la marko Stafeto, serio Beletraj Kajeroj n.º 39. Eldonis Juan Régulo, La Laguna (Tenerife) Hispanujo. 114 paĝoj, 12 x 19 cm. Prezo: 140 ptoj.

"Humoroj" konsistas el kolekto de poemoj tre koncizaj, pensigaj, striktaj; legante ilin mi havis la impreson, ke la ideoj flosas inter la versoj. Tiuj poemoj ne konsistigas unusencan tuton, sed ĉiu havas sian apartan, diversan signifon kaj celon. Kompreneble, ili rivelas la klaran personecon de la aŭtoro kaj lian konatan seneŭfemisman penspozicion super la mondo.

Al tiuj legantoj, kiuj eble ne tuj komprenos la signifon de iu poemo de "Humoroj", mi konsilas memori tiujn frazojn de l' antaŭparolo de Sro. Vatré: "Kaj eĉ kiam la artisto bonvole helpas nian esploremon per titolo, tonoj, aludoj, aŭ nevola konfeso, li ne liveras la ŝlosilon de la verko, kaj lasas nin antaŭ nuraj konjektoj, divenoj, supozoj kaj risko erari". Aliflanke la aŭtoro manipulas la lingvon virtuoza, aplikante ne nur neoftajn vortojn (kiujn mi ne diskutas), sed nekutimajn verbigojn kaj adverbigojn, kio povas motivi konsultojn en vortaro, kun la sekva rompo, eĉ se momenta, de la komprenado:

"Emerĝas traspegule rikanoste
futurskeleto pasintege propra;
aseco dumas flagras terurkoste
se la sozio sorbas sin missobra"

(paĝ. 101)

Kontraŭe, kiam la poemo rolas rakonte, la kompreno estas kristalece klara (paĝ. 99). La aŭtoro ĉerpas el la lingvo rimedojn por rimado: ĉiunokte - provok' de; eksterlanden - brand' en; ŝtala - tra la; ili - babili; renkonten - pont' en.

Fine de la libro estas klarigitaj la novaj vortoj, el kiuj mi citas kelkajn tre utilajn al hispanoj: ĉendi = encender; ruga = rugoso; stuci = podar; ŝlifi = bruñir; ŝvabri = fregar (suelos); vitelo = yema (huevo); vrako = naufragio.

Estas kuraĝige konstati, ke en Esperanto fontas originalaj poemoj profundpensaj. La belajn lingvoflorojn de Stafeto oni aĉetu; ili ornamu vian librobreton kaj kun ili pasigu longan ĝuan momenton.

*Salvador Gumá*

GERIATRIO KAJ LA GENERALA ZORGO POR GEMULTJARULOJ. — D-ro J. Th. Schreuder, s-ino A. Diatlowichi-Tobi kaj f-ino J. van Henten. Tradukis F. F. Faulhaber. Eldonis F. E. L. 43 paĝoj, 17 x 21 cms. Prezo: 50 ptoj.

Ĉi tiu broŝurforma, ofsetita libreto temas pri la problemoj personaj kaj sociaj, kiuj plagas multajn alt-aĝajn homojn, kaj kiel oni povas, kaj devas, humane kaj konscience trakti, aŭ preventi, iliajn difektojn fizikajn kaj spiritajn.

*La danĝero de ripozo en lito* estas aparte interesa ĉapitro de la libreto, kiun, en ties tuto, atente legu ĉiu persono, kiu devas iel trakti kazojn levitajn de la maljuneco.

La libreton makulas kelkaj gravaj eraroj gramatikaj, kio ŝajnas apenaŭ kredebla, se konsideri, ke la tradukon faris la bona stilisto F. F. Faulhaber. Labori haste, aŭ sub la influo, aŭ la sekvo de malsano, neniam donas bonan rezulton.

*F. de Diego*

# SEKRETARIA RAPORTO PRI LA LABORO REALIGITA DUM LA PERIODO EKDE LA UNUA DE JULIO DE 1970 ĜIS LA TRIDEKA DE JUNIO DE 1971

Denove, kiel ĉiujare okazas en la ĝeneralaj kunvenoj de H.E.F., la Estraro prezentas la resumon de sia laboro por via konsidero, kono kaj aprobo.

Tiu ĉi fojo, estas la dua okazo en kiu mi legas al vi kaj konigas la sekretarian raporton de la Hispana Esperanto-Federacio.

Mi parolis dum la pasinta nacia kongreso pri multaj aferoj kaj realigoj kiujn nia asocio povas atingi.

Tamen, kiel mi estas objektiva kaj praktika homo mi devas deklari kaj vidigi ke la Esperanta Movado en Hispanujo sekvas kun malrapida ritmo kaj ĝi bezonas novajn kuraĝojn kaj energiojn, sed malfeliĉe tiuj helpoj ankoraŭ ne alvenis.

Miaj vortoj deziras esprimi la neceson ke ĉiuj membroj de H.E.F. kunlaboru pli intense kaj ofte kun la estraranoj, kiuj havas la devon regi la disvastigon de la internacia lingvo en nia lando.

Nun, mi resumos la realigojn de la Estraro dum ĉi tiu jaro.

La antaŭa ĝenerala kunveno de H.E.F. aprobis kelkajn interesajn aferojn. Unue, propono de informo kaj prezentado de eldonitaj kaj neeldonitaj libroj pri praktikaj kursoj de Esperanto, por elekti tiujn pli utilajn kaj konvenajn por rekomendi ilin. Pere de "Boletín", oni publikis noton informante, rilate la proponon de la ĝenerala kunveno. Mi devas sciigi al vi ke oni ricevis, nur, tri librojn. Konsekvence, estas neeble per tiu materialo fari ion praktika.

Alia propono estis la elekto de kapabla persono por prepari la serĉadon de la disponebla materialo por la eldono de Antologio de la Hispana Literaturo en Esperanto. La Estraro studis la aferon kaj finfine trovis taŭgan samideanon, kiu plenumos la taskon.

Ankaŭ la ĝenerala kunsido de H.E.F. aprobis rezolucion pri organizado de Somera Kurso de Esperanto por naciaj instruistoj. La Estraro de H.E.F. faris la precizajn demarŝojn por realigi tion, sed ankoraŭ ĝi ne ricevis respondon de la autoritatuloj, de kiuj la Estraro petis helpon.

La Estraro de H.E.F. plenumis la decidon gratuli la Rektoron de la Labora Universitato de Cheste kaj nuntempe estas en kontakto por propagandi Esperanton en ĉi tiu Centro dum la proksima kurso.

Dum ĉi tiu jaro, oni sendis du cirkulerojn rilate aferojn kiujn laŭ ŝajno de la Estraro havis specialan intereson.

Antaŭ nelonge la Ministerio pri Edukado kaj Scienco metis proprainiciate je la dispono de Hispana Esperanto-Federacio subvencion de 20.000 pesetoj por administraciaj celoj.

Rilate informadon pri Esperanto oni povas resumi la aferon tiel:

TELEVIDO: okaze de la XXX-a Kongreso oni dissendis programerojn pri Esperanto. Poste, intevjuojn al la Sekretario, Vicesekretario kaj al la Prezidanto.

RADIO: unue reprezentado de la vivo de Zamenhof en la programo "Vidas apasionadas", en Radio Madrid. Intervjuo al la Sekretario, ankaŭ en Radio Madrid. Speciala programo pri Esperanto en Radio Popular de Madrid. Intervjuo al la Prezidanto en Radio Nacional. Interveno de la Prezidanto en speciala programo aranĝita inter Radio Madrid kaj la B.B.C. de Londono. GAZETARO: ofte la Estraro sendas al la ĵurnaloj notojn pri la aktivecoj de la Federacio. Ankaŭ ili faris intevjuojn al la estraranoj kiuj aperis en la ĵurnaloj.

La Estraro de H.E.F. intencis krei tradukan servon por la celoj de la Federacio. Por tio metis noton en "Boletín", petante helpon al kapablaj samideanoj, por realigi tiun taskon. Ĝis nun, nur du personoj respondis.

Aliaj realigoj de la Estraro, en la lasta jaro, estis:

Peto de reeldono de la broŝuro "Hispanio por vi", aŭ eldono de alia turisma publikaĵo, al la Ministerio pri Informado kaj Turismo. La rezulto de ĉi tiu demarŝo estis nea rilate la broŝuro "Hispano por vi" sed ne rilate alian turisman publikaĵon.

Peto al la koncernaj instancoj de enkonduko de Esperanto-kursoj en Radio Nacional, rekte kaj pere de la telefona reto. La rezulto de la demarŝo ĝis nun estas esperiga.

Peto de monhelpo al la Patronaro "Juan March", por la Eldona Fako de H.E.F. La rezulto de la demarŝo estas ankoraŭ tute nekonata.

La Estraro faris kaj faros ĉion kion oni konsideras utila por efektivigi la decidojn de la lasta ĝenerala kunveno de H.E.F. kaj de la XXX-a Hispana Kongreso de Esperanto, la estimindajn iniciatojn de la esperantistaj societoj apartenantaj al H.E.F., kaj tiujn de la membroj, estraranoj kaj servestroj kaj la indikoj de U.E.A., kiuj estu decaj kaj aplikeblaj en Hispanujo.

Nun, mi resumas la aktivecojn kiuj realigis la diversaj sekcioj kaj servoj de la Federacio.

BOLETIN: Nia revuo, oficiala organo de la Federacio, regata de Fino. Inés Gastón aperis ĉiam regule. Ŝia efiko ne bezonas komenton. Nur, tiel kiel Fino. Gastón esprimis en la marta-aprila numero de "Boletín", ni dankas la kunlaboradon de tiuj kiuj helpas en la redaktado.

KASO: Pri tiu afero la kasisto faros poste en alia raporto resumon.

FERVOJISTA SEKCIO: Dum la jaro 1970 kaj en la unuaj monatoj de 1971, la sekcio havis konstantan aktivecon: ĝi gvidis kursojn de Esperanto por fervojistoj, kaj elementan korespondan kurson. La Grupo de Barcelona vizitis al la esperantistoj de San Pablo de Ordal, Villafranca del Panadés, Villanueva y Geltrú, k.t.p. Reciproke, multaj samideanoj hispanaj kaj eksterlandaj vizitis la grupon de Barcelona. La sekcio partoprenis en la Hispana Kongreso de Esperanto en Mieres kaj en la Provinca Renkontiĝo. Ankaŭ la sekcio partoprenis en la XXII-a kaj en la XXIII-a kongresoj de I.F.E.F. okazintaj en Rimini (Italujo) kaj en Maribor (Jugoslavio), al kiuj ĉeestis 38 kaj 41 hispanaj kongresanoj respektive.

HISPANA ESPERANTA AURORO: H.E.A. kiu celas la divastigon de Esperanto inter la hispanaj blinduloj, daŭrigis dum la pasinta jaro sian agadon pere de la korespondа kurso, pruntedono de revuoj kaj verkoj, kaj la akiro de la precipaj verkoj presitaj en brajla sistemo. La Estraro funkciadis kaj kunvenis normale kaj oni reviziis sian regularon, modifante kelkajn artikolojn post la aprobo de la membroj. Kaj ĝi daŭrigas la klopodojn por ke la blindulasocio publikigu informan bultenon kiu estu medio por ke Esperanto estu pli bone konata inter la hispanaj blinduloj.

JUNULARA SEKCIO: Dum la nuna periodo kiu komencis okaze de la Hispana Kongreso de Esperanto en Mieres, la junulara agado dediĉis siajn energiojn trovi novajn gvidantojn por la junulara sekcio. Feliĉe, danke al la kontaktoj kun du junuloj de la Grupo de Bilbao, la junulara sekcio de tiu urbo prenis sur sin la reorganizadon de H.E.J.S. kaj ĝis nun, jam eldonis du numerojn de la junulara bulteno kaj entreprenis la organizadon de listoj, korespondado kaj internaciaj kontaktoj kun la aliaj landaj junularaj sekcioj kaj kun Tutmonda Esperanto Junulara Organizo. H.E.J.S. kontaktis kun ĉiuj hispanaj grupoj, petante kunlaboron al ĉiuj junaj geesperantistoj, sed ili bedaŭras ke el 30 leteroj senditaj, ĝis nun, nur oni ricevis unu respondon. Alia tasko de ĝia agado estis la varbado de novaj membroj por H.E.J.S. En tiu afero ili sukcesis bone, ĉar ili varbis proksimume 50 novajn membrojn. Ankaŭ ĝi kontaktis al kelkaj esperantistoj kiuj instruas Esperanton en mezlernejoj kaj ili ricevis afablan respondon. Ĝi petis al la L.K.K. la organizon de speciala tago por la junaj kongresanoj okaze de ĉi tiu kongreso kaj pretigon de malmultekostaj loĝejoj pli adekvataj al financpovo de la junulaj partoprenantoj. Kompreneble ili sukcesis.

**HISPANA ESPERANTISTA TURISMA SEKCIO: Ĝi organizis turisman rondvojaĝon tra la norda parto de Hispanujo okaze de la XXX-a Hispana Kongreso de Esperanto en Mieres; karavanojn al la 55-a U.K. en Viena kaj al la 56-a U.K. en Londono kaj preparas karavanon al Portland okaze de la 57-a Universala Kongreso de Esperanto. Ĝi organizis ekskurson por partopreni en la renkonto de francaj kaj hispanaj esperantistoj ĉe Ŝtono San Martín la 13-an de Julio 1971.**

KORESPONDA KURSO: Dum la lasta kurso regule kaj aktive funkciis la kurson per korespondado. Preskaŭ 30 gelernantoj aliĝis kaj kelkaj dekoj finis la kurson kaj ricevis la koncernan diplomon pri kapableco. Ankaŭ oni devas mencii ke inter la novaj aliĝintoj estas kelkaj centraj kaj sudaj amerikanoj el Cuba, Chile, k.t.p. Oni respondis kelkajn centojn da petoj kaj klarigoj pri internacia lingvo. La kursestro volas peti al ĉiuj H.E.F.-anoj bonvolu diskonigi la kurson ĉar la rekta informado estas la plej efika.

ELDONA FAKO: En la marta-aprila numero de "Boletín", la fakestrino prezentis la resumon kaj komenton rilate la rezulton de la fako dum ĉi tiu jaro. Bedaŭrinde, la Estraro konsideras ke la vortoj de Fino. Gastón estas realaj kaj ne tro esperigaj. Do, estas necese ke ĉiuj H.E.F.-anoj kunlaboru pli efektive, koncerne la celojn de la Eldona Fako, aĉetante ĝiajn publikaĵojn kaj diskonante ilin al ĉiuj esperantistoj kaj esperantemuloj. La Estraro okaze de la tago de la libro en Esperanto intencis eldoni tradukon de definita verko de hispana aŭtoro, sed post studi la eblojn oni konsideris ne oportuna la aferon.

LIBROSERVO: Rilate tiun servon ni rekomendas al ĉiuj ke ili legu la konton kaj komenton kiun la servestrino faris en la marta-aprila numero de "Boletín". Tamen, la Estraro esprimas sian dankon al la servestrino kaj al la aĉetantoj pro la bona funkciado kaj rezultoj de la servo.

FONDAĴO AŬ FONDUSO ESPERANTO: Du fojoj kunvenis en ĉi tiu jaro la Fondaĵo Esperanto kaj kiel vi ĉiuj legis en la marta-aprila numero de "Boletín", en la kunsido okazinta la 23-an de januaro, decidis konkurson por traduki la unuan ĉapitron de la verko "Los Pueblos" de la fama verkisto Azorín. La Fondaĵo Esperanto pro siaj valoraj celoj meritas la ekonomian helpon de ĉiuj entuziasmaj esperantistoj al kiuj estu ebla, pro specialaj kondiĉoj favori ĝin. Tial la Estraro rekomendas ĝian disvolvigon per la helpo de ĉiuj.

Por fini ĉi tiun raporton, estas dece fari resumon de la demarŝoj kiujn nuntempe realigas la Estraro. Sed mi ne faras ĝin por ne ĝeni tro vian atenton. Tial ke ili koncernas al la agadprogramo prezentita al la H.E.F.-anoj pere de la cirkulero numero 1, en la pasinta decembro.

Nun, mi volas paroli pri etaj aferoj. Unue, pri la ĝenerala sekretaria korespondado. Ĉiam mi respondas la leterojn, sed vi devas kompreni ke en kelkaj momentoj la laboro malebligas mian deziron. Mi petas pardonon ĉu iafoje mi respondis malfrue.

Aliparte, mi deziras danki la helpon kaj bonvolemon de multaj samideanoj, sed denove mi emfazas la neceson de pli forta kunlaborado, alimaniere, la Federacio ne povos marŝi antaŭen, kontraŭe ĝi retroiros. Mi opinias ke ĉiuj devas doni ideojn, iniciatojn kaj konstantan apogon.

Fine, mi volas profiti la okazon por saluti al ĉiuj tutkore kaj peti pardonon pro la multaj eraroj kiujn vi trovis en la enhavo kaj en la legado de ĉi tiu raporto kaj en la sekretaria posteno. DANKON.

*Manuel Figuerola Palomo*
Sekretario de Hispana Esperanto-Federacio



# Kaj ... NUN! LERNU ESPERANTON!

Lernolibroj internaciaj kaj por hispanlingvanoj:

| | |
|---|---|
| Curso práctico de Esperanto, F. Szilágyi (adaptis por hispanlingvanoj J. Hess) | 70,— ptojn. |
| Decidaj argumentoj, Mimó | 15,— " |
| Dialekto, dialektiko, Dalmau | 40,— " |
| Du malsanoj en Esperanto, Hoog | 84,— " |
| El hombre en su camino (2-lingva krestomatio), Fernández Menéndez | 280,— " |
| Elementos de Esperanto, Soler | 10,— " |
| Esperanto al alcance de todos, Soler | 50,— " |
| Esperanto la lingvo internacia, Walter | 98,— " |
| Esperanto laŭ metodo Friis (10 kajeroj) | 520,— " |
| Esperanto por infanoj, Solomon | 36,— " |
| Esprimo de sentoj en Esperanto, Privat | 39,— " |
| Fundamenta Krestomatio, Zamenhof, k. a. bind | 252,— " |
| Fundamenta prononco (gramofondisko japana) | 30,— " |
| Fundamentaj reguloj de la vort-teorio en Esperanto, Saussure. | 75,— " |
| Fundamento de Esperanto, 5-lingva, bind | 255,— " |
| Gramática de Esperanto y vocabulario, Anglada | 40,— " |
| Iniciación al Esperanto, Crespo Cano | 100,— " |
| Junulkurso Ilustrita, S.A.T. | 117,— " |
| Junulkurso, S.A.T. 5 diskoj, 2-flankaj | 185,— " |
| Ĵamborea lingvo | 50,— " |
| Ĵamborea lingvo (gramofondisko) | 50,— " |
| Internacia elparolo, 5 nacioj, gramofondisko kun multobligita teksto | 35,— " |
| La Zamenhofa Esperanto. (Simpozio pri ATA/ITA) H.A. de Hoog, D.B. Gregor, K. Kalocsay, S. La Colla, I. Lapenna, T. Nakamura, T. Pumpr, J. Régulo, R. Schwartz, E. Sonnenfeld, G. Waringhien | 210,— " |
| Lernolibro de Esperanto, Mimó | 70,— " |
| Konversacia Esperanto-kurso, Szilágyi | 80,— " |
| Lingvaj respondoj, Zamenhof, kun komentario de Waringhien, bind | 150,— " |
| Lingvo, stilo, formo, Kalocsay (3-a parte prilaborita eldono) | 115,— " |
| Naŭlingva Etimologia Leksikono, Bastien, bind | 150,— " |
| Ne tiel, sed tiel ĉi! Faulhaber. (Pri stilo) | 85,— " |
| Perfekta prononcado. Gramofondiskoj I - II, po | 60,— " |
| Perfekteco de la Esperantaj verboj, Mimó | 50,— " |
| Perfektiga kurso, (plena traktato pri la sintakso), Quarello | 350,— " |
| Plena Gramatiko. Vol. II | 222,— " |
| Primer manual de Esperanto (para catalanes) | 15,— " |
| Privilegia Vojo, Setälä | 68,— " |
| Paŝoj al plena posedo, W. Auld | 140,— " |
| ¿Sabe V. Esperanto?, J. Hess | 60,— " |
| Síntesis de Esperanto para principiantes, Quarello | 140,— " |
| Unua lernolibro laŭ Zamenhof, (eld. Tamtamo) | 40,— " |
| Diccionario Elemental, Esperanto-Español, Español-Esperanto, Tudela | 15,— " |
| Lexicón Sopena, vocabulario esp.-hisp., hisp.-esp. (gramática alfabeto y pronunciación). Paluzie | 40,— " |
| Katolika terminaro Esperanto-Español, J. M. Claramunt, Sch. P. | 28,— " |
| Oportuna vortaro de ordinara Esperanto, Setälä, plaste bind | 68,— " |
| Plena Vortaro de Esperanto | 280,— " |
| Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto ($ 25 + 1,10) = | 1.825,— " |
| Vocabulario Español-Esperanto, Tudela | 145,— " |
| Vocabulario Esperanto-Español, Tudela | 75,— " |
| Zamenhof-radikaro, Wuster | 58,— " |

LIBROSERVO DE H.E.F.

Mendoj kaj pago ĉe: Inés Gastón, P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha. ZARAGOZA.

## FONDUSO ESPERANTO

Konkurso

Mi memorigas al ĉiuj esperantistoj kiuj intencas konkursi, ke la dat-limo por sendi la konkursaĵojn estos la 15-an de oktobro 1971.

Zaragoza la 1-an de septembro 1971.

*Inés Gastón*

Sekretariino de la Fonduso
ESPERANTO kaj de la Konkurso

## KRISTNASKA EKSPOZICIO PRI INFANDESEGNAĴOJ

La Delegito pri kulturo de la Magistrato de Santa Coloma de Gramanet (Barcelona), sendis la sekvantan anonceton kun peto de ĝia aperigo en BOLETIN.

«La Kutura Fako de tiu ĉi urbodomo organizas kune kun la loka Esperanto-Grupo gravan publikan Kristnaskan Ekspozicion pri infandesegnaĵoj.

Geinfanoj el la tuta mondo sendu siajn desegnaĵojn ĝis novembro, indikante nomon, adreson kaj aĝon, al:

Esperanto-Ekspozicio
Ayuntamiento de
SANTA COLOMA DE GRAMANET (Barcelona)
(Hispanujo)»

## ESPERANTISTA SKIFERIO

ADELBODEN SVISLANDO

26 decembro 1971 - 5 januaro 1972

Programo: skiado, ekskursoj, vesperoj kun prelegoj, diskutoj, festoj, ludoj...

ADELBODEN estas skiparadizo en Bernaj Alpoj, alta je 1400 m kaj permesanta skii ĝis 2500 m.

Por pliaj informoj skribu al: Kultura Centro Esperantista, Miéville 133, CH-2314-LA SAGNE (Svislando).

TIP C. BOLOIX.-REINA FABIOLA, 7 -ZARAGOZA

D. L. Z. - 375 - 63